# INTERNACIA

JARO XIII, SOFjA — BULGARIO
OKTOBRO—DECEMBRO 1969, № 4



# JURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA JURNALISTA ASOCIO (TEJA)



**A. Berg** — akademiano
**D. Armand** — d-ro pri la geografiaj sciencoj
**E. Bokarev** — d-ro pri la filologiaj sciencoj


## 64 LINGVOJ KAJ ANKORAŬ ANU

(Daŭrigo de n-ro 3 de „I. Ĵ.")

Diference de John Bernal, la plimulto de scienculoj estas por la tradiciaj decidoj. Tiel ekzemple la ĝenerala sekretario de la Informa Buroo de Internacia Konsilio de sciencaj unuiĝoj G. N. Butri proponis ke oni faru konvencion: ĉiun libron aŭ artikolon oni havigu per prinotado en 4 ĉefaj lingvoj — angla, rusa, franca, germana.

Tia provizora konsento estas ebla, sed kial nur 4 lingvoj? Tie ĉi, verŝajne, oni devas aldoni hispanan, japanan, araban, hindi . . . . .

La sukcesoj en diversflanka aplikado de kalkul-solvantaj konstrukcioj elvokos la penson, ke oni utiligu ilin per maŝintraduko.

Tamen Norbert Wiener, la patro de la cibernetiko, kiu parolis en 13 eŭropaj kaj aziaj lingvoj, avertadis pri la komplikeco de tiu ĉi problemo. Li skribis: „Sincere dirite, mi timas, ke la limoj de la vortoj en la diversaj lingvoj estas tro neklaraj, nedifinitaj por estu ia duonmekanika maniero de tradukado multonpromesanta. En la nuna momento la mekanigado de la lingvo . . . . ŝajnas al mi antaŭtempa".

Efektive la tasko estas tre malfacila, aparte la konstruo de la modeloj de originalaj lingvoj kaj tradukoj.

Ĉiu gramatiko konsistas el centoj, iufoje el miloj da reguloj de la ortografio, morfologio, sintakso. El vidpunkto de la logiko en sia pligranda parto ili estas absurdaj. Tiel ekzemple la akademiano Vinogradov skribis, ke la rusa ortografio abundas je „kontraŭdiroj, nepravigeblaj malnovaĵoj, je okazoj kun diskutebla aŭ duobla ortografio."

En rezulto la elektronaj maŝinoj post longjara preparo de maŝinaj vortaroj en la mallarĝa agokampo de la scioj oni eldonas nur duonfabrikatojn. Iliaj tradukoj postulas allaboro fare de homo, scianta kiel la ambaŭ lingvojn tiel ankaŭ tiun fakon de la kanoj.

Por ricevi ian kontentigan rezulton oni postulas ekskluzivan malsimpligon de la maŝinoj — tradukantoj tiel ke tiu ĉi metodo kiel rimedo por venki la lingvajn barierojn en la scienco apenaŭ povas fariĝi en plej baldaŭa tempo efektiva.

Eble oni devas ekiri laŭ la alia vojo kaj provi ke la specialistoj ellernu ĉiujn ĉefajn lingvojn de la mondo? Apenaŭ tio estas la reala solvo. Nia meza lernejo pene apartigas 750 horojn por lernado de fremdaj lingvoj. Al tio VUS aldonas 210 devigajn kaj 150 nedevigajn horojn. Kaj interalie laŭ nia opinio, por la libera ekposedo nur de unu lingvo

*Varmajn novjarajn salutojn kaj bondezirojn al ĉiuj kolegoj membroj de TEĴA kaj legantoj de nia organo „Internacia Ĵurnalisto" ! Lanova 1970 jaro estu fruktodona por la E-movado kaj paca por la homaro !*

estas bezonaj ĉirkaŭ 5,000 horoj. Ne estas mirinde, ke finintoj VUZ (altaj lernejoj) ofte apenaŭ povas kompreni sciencan tekston pere de vortaro. Ĉe tio oni ne povas paroli pri multaj lingvoj.

Evidente plej reale estas ke oni prezentu resume la problemon en unu lingvo. Oni alprenu por la scienco laŭ interkonsento unu nacian aŭ internacian lingvon kaj oni publikigu en ĝi ĉiujn sciencajn tekstojn. Ĉe tio estas eble oni konservu ankaŭ la paralelajn naciajn lingvojn.

Tamen en kvalito de internacia lingvo de la scienco la nacia lingvo laŭ multaj kaŭzoj estas neakceptebla. Jen estas du el ili: unue la lando, kies lingvo fariĝos ĝenerala, scienca lingvo, okaziĝos en privilegia stato. Ĝiaj scienculoj, ne perdante po 3—5 jarojn por lernado de fremda lingvo, fordonos sian tutan tempon al la scienco. Oni ŝparos centojn da milionoj da horoj da labora tempo, la lando antaŭeniros laŭ la ebenaĵo de la disvolviĝo de la scienco. Post la sciencaj laboroj postsekvos teknikaj kondiĉoj, katalogoj, reklamoj de la varoj, fine la ĵurnaloj, la radio. Tio donos al ĝi grandan superecon ankaŭ en politika rilato. Due, ĝi ricevos grandajn eblecojn por ekonomia kaj politika ekspansioj.

La ceteraj landoj neniam konsentos ke oni disponigu tiajn avantaĝojn al ĝi.

Restas la unununura eliro, kiu ŝajnas al ni plej celkonforma: Oni prenu en kvalito de unueca lingvo de la scienco ian artefaritan, aŭ pli ĝuste difinitan lingvon konstruita sur la bazo de la logika gramatiko kaj laŭeble de la internacia terminologio. Ĝia enkonduko en la praktikon estas ebla, eksemple, laŭ la jena maniero.

En la sfero de la scienca informado sur la unua etapo oni enkondukas devigajn resumojn en la ĝeneralan lingvon de la scienco. Ili estas verkataj de la aŭtoroj mem en la patra lingvo, de ili, laŭ ebleco, estas tradukataj, per kio garantiiĝas la ĝusteco kaj enhaveco de la resumita teksto. La publikigado de resumoj de slipoj, aldono al la revuo aŭ al la libro estas jam akceptita en vico da fremdaj eldonejoj.

La deviga prinotado de la artikoloj de la aŭtoro mem en rusa lingvo larĝe estas praktikata en USSR.

En la dua etapo la scienca literaturo havas sencon presiĝi paralele en la patra lingvo kaj en tiu ĉi kiu estos akceptita por internacia scienca interkompreniĝo aŭ nur en la lasta.

Tio malfermos verdan straton por publikigado de verkoj el mallarĝa profilo (kaj tiaj nun estas plimulto), ĉar kelkfoje pliiĝos ilia preskvanto.

Oni povas diri, ĉu ni ne proponas reveni al tiuj tempoj, kiam en la scienco regis la latina lingvo? Kio estas la novo — tio estas bone forgesita malnovo, tamen la disvolviĝo de la scienco iras ne laŭ spiralo kaj se io ripetiĝas, ĝi estas sur alia, kvalite diferenca nivelo.

La latina lingvo estas senespere malnoviĝinta, tamen la ideo por la utiligo en la scienco de unu kaj ĉe tio neŭtrala lingvo estas sendube fortika.

La mondo jam akceptis tiajn rimedojn por interkompreniĝo, kiel la maraj kaj aviadaj kodoj, la arabaj ciferoj, la notaj signoj, la medicinaj terminoj, la matematikaj kaj kemiaj formuloj. Ĉu ja ni haltos antaŭ tio, unuecigi tion, kion tiuj simboloj al ni promesas: la vortoj — kopuloj, afiksoj, la reguloj de la gramatiko?

**El bulgara — Iv. Canev**

## „MIELA LUNO" en Rimini 1970

Konkurso por junaj geedzoj

La Turisma Entrepreno kaj la Asocio de Hotelestroj organizas konkurson „miela luno" en Rimini, kiun rajtos partopreni ĉiuj junaj geedzoj, kiuj ne atingos la 35-an jaraĝon je la 20-a de majo 1970-a, bone parolas esperanton kaj ne gajnis en la pasintaj eldonoj de la konkurso.

La premioj konsistos el **10-tagaj senpagaj restadoj** en unuaklasaj hoteloj de la marbordo de Rimini (Italio).

La restadperiodo estas fiksita de la 26-a de majo ĝis la 4-a de junio 1970.

Dum la restado oni aranĝos apartajn festojn, ekskursojn kaj regalojn honore al la paroj.

La konkursantoj, plej malfrue ĝis la unua tagdeko de la venonta aprilo, devos sin anonci per letero aldonante la plej belan foton de la edzino kun edziniĝa vesto aŭ foton de la paro kaj la daton de la geedziĝo.

Tiucela komisiono plenrajte selektos, juĝos kaj premios la parojn.

Oni adresu ĉion al la delegito de U. E. A. en Rimini:

Albino Ciccanti — S. Bernardino, 26 — 47037 RIMINI (Italujo).

## *DISTINGITAJ BULGARAJ ESPERANTISTOJ KAJ JURNALISTOJ*

*Kun ĝojo oni sciigis la novaĵon, ke pro longdaŭra, senĉesa kaj sinoferema socia, kultura kaj esperantista agado dum jardekoj, redaktado de gazetoj, libroj, ankaŭ esperantistaj, la Prezidantaro de Bulgara Parlamento distingis kvar bulgarajn Esperanto-pionirojn kaj aktivulojn per altaj ordenoj. Dekoraciitaj estas:*

*1. Nikola Aleksiev — prezidanto de Bulgara Esperanto-Asocio kaj presidanto de Mondpaca Esperanto — Movado (MEM) — per la plej alta bulgara ordeno „Georgi Dimitrov".*

*2. Ivan Keremidĉiev—Esperov—membro de la Centra Komitato de Bulgara Esperanto-Asocio, sekretario de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio kaj redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" — organo de TEĴA — per ordeno „Sirilo kaj Metodij" — dua grado.*

*3. Kunĉo Vâlev — membro de CK de Bulgara Esperanto-Asocio kaj ĉefredaktoro de „Bulgara Esperantisto".*

*4. Nanju Kjuĉukov — membro de CK de BEA — per ordeno „9-a de Septembro 1944" — dua grado.*

*Ĉiuj distingitoj ricivis ankaŭ jubilean medalon „25 jaroj popola regado" okaze de la jubilea datroveno de la tago de la liberiĝo — 9-a de Septembro 1944.*

*Aparte estas ordenita ankaŭ la presorgano de Bulgara Esperanto—Asocio — „Bulgara Esperantisto" per ordeno „Sirilo kaj Metodij" — unua grado, okaze de ĝia 50 — jara aperado.*

*Ordenojn kaj madalojn ricevis ankaŭ aliaj centoj da bulgaraj esperantistoj-ĵurnalistoj kaj neĵurnalistoj, okaze de la jubilea datreveno.*

*Ĝojiga kaj agrabla por Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio estas ankaŭ la fakto, ke la dekoraciitaj kolegoj estas aktivaj ĵurnalistoj kaj membroj de TEĴA.*

*La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" gratulas la distingitajn esperantistojn kaj kolegojn kaj bondeziras al ili longdaŭran vivon kaj pluan fruktodonan por- kaj peresperantan laboron en la bulgara kaj la tutmonda Esperanto-movado.*

**LIBERA TRIBUNO**

## *AL PLI ĜUSTA VOJO*

*HUMPHREY TONKIN*

*„En la lastaj jaroj Esperatonmovado moviĝis for de la Interna Ideo kiu liveris al la fruaj esperantistoj la forton daŭrigi la disvastigon de la Internacia Lingvo ofte kontraŭ tre malfavoraj cirkonstancoj. La Interna Ideo donis al ili kredon je monda frateco kaj internacia harmonio kiu facile degeneriĝis al sentimentalismo kaj sektismo, sed kiu estis tre daŭrokapabla. Sed lastatempe ni fariĝis pli praktikaj. Ni parolas nun pri la* ***ekonomiaj,*** *ne la moralaj, kostoj de lingva diverseco, kaj ni emfazas la* ***praktikan*** *malhelpon al internacia komunikado."*

*„Sed miaopinie alvenis la tempo denove ĵeti rigardon al la Interna Ideo. La horora kondiĉo de grandaj sekcioj de la mondo devus nepre konvinki nin, ke oni ne povas dividi moralajn disde praktikaj konsideroj, ke la du estas ĉiam interrilataj. Kiam nacio ignoras moralecon je la nomo de politika progreso, la rezulto estas finfine memdetrua, kaj ĉiam kondukas nur al pli granda nemoraleco. Kaj nemoraleco estas propradifine tiraneco. Tion krias la tutmonda junularo hodiaŭ al tiuj kiuj pretas aŭskulti, sed la aŭskultantoj malmultas."*

*„La samo validas por ni en la Esperanto-movado. La problemoj de tutmonda paco, de la legitimeco de la milito, de la moraleco de vastaj elspezoj je defendado kaj armiloj, estas demandoj kiujn ni ne preterpaŝu aŭ evitu pridiskuti. Nia lingvo servas la homaron en paco, ne la homaron en milito. Sekve ni havas devon krei la kondiĉojn en kiuj nia lingvo prosperos."*

*„Mi ne proponas reiron al la malaktualiĝinta idealismo de la frua Esperanto-movado. Mi tamen ja proponas, ke ni agnosku niajn sentojn pri tiuj ĉefaj demandoj de nia epoko, kaj ke ni utiligu Esperanton kiel ilon por esprimi tiujn sentojn. Ni posedas metodon de komunikado ŝlosita al la plejparto de la homoj: ni povas en niaj kongresoj renkonti homojn el ĉiuj mondopartoj vizaĝalvizaĝe, ne kiel delegitojn de la respekivaj landoj, sed kiel homojn al kiuj ni povas paroli rekte kaj sen malhelpoj. Ni uzu plene tiun unikan kapablon. En la nuna kongreso ni pritraktos la temon „Junularo kaj Socio" — temo kiu estas rekte aktuala, kaj pri kiu niaj sentoj estas certe fortaj. Ni verŝajne trovos, ke pri diversaj aspektoj de la temo ni ankaŭ estos unuanimaj. Mi esperas, ke ni havos kuraĝon agnoski tiun unuanimecon."*

Eŭgen FOMIN
(1910—1942)

## LENIN

Ĉion konis li, komprenis ĉion.
Landon detruitan kaj ĥaosan
Li rekreis pere de l'genio
En palacon firman, grandiozan.

Kaj florados land' eterne juna,
Lando tiel bela, tiel fama, —
Frukto de l'inspiro lia suna,
Kreo de la pens' kaj vorto flama!

El la ukraina: A. Logvin.

## *NOVJARA*

*Pokalon de ĉampana vin,*
*Mi levas, por gratuli Vin*
*Kaj tutan esperantistaron*
*Kun la venonta Nova Jaro!*
*Kun amikeco inter ni*
*Kaj tuthomara harmoni'.*

**A. Logvin**

## SENTENCOJ PRI LABORO KAJ ARTO

*„Gloro estas en manoj de laboro"*
*Leonardo da—Vinĉi*

*„Bono de la homoj — en la vivo. Kaj la vivo — en laboro."*
*Leo Tolstoj*

*„Laboro-patro de feliĉo".*
*V. Franklin*

*„Ĉu ne estas bela celo labori, por lasi post sin la homojn pli feliĉajn, ol estis ni?"*
*Ŝarl Monteskjo*

*„Laboro pensas, pigro-revas."*
*Ĵorĵ Renar*

*„Nenio nobligas la homon pli ol laboro".*
*Leo Tolstoj*

*„Laboro estas ĝojo, la pleneco de la vivo."*
*D. Mendeleev*

*„Ĉiu nelaboranta homo estas sentaŭgulo".*
*Ĵan-Ĵak Ruso*

*„Laboro estas la plej bona kuracilo, morala kaj etika."*
*Anatol Frans*

*„Celo de arto—veki la plej profundajn, diajn kordojn, kiuj povas krei muzikon en nia animo."*
*Oskar Uajld*

*„Lakoneco-fratino de talento".*
*Anton Ĉehov*

*Kompilis kaj tradukis*
**A. Logvin**

---

*„Karakterizis la Esperanto-movadon en la lastaj jaroj certa timemo. Ni timas fariĝi nereprezentaj. Oni povus diri, ke ni formulis novan oran regulon, ke niaj organizoj estas malfermaj al ĉiuj homoj, sen konsidero pri iliaj konvinkoj, kondiĉe ke ili subtenas Esperanton, pro ĉiu ajn kaŭzo. Mi kredas, ke tiu ora regulo estas iom bedaŭrinda regulo. En niaj klopodoj eviti la antagonismon ni perdis la galvanismon. Kiel oni povas senti profundan lojalecon al dekses reguloj kaj dudeko da akcentoj sur la antaŭlasta silabo? Kiel la nacioj de la mondo povas entuziasmi pri kelkaj participoj? Dank' al Dio, ili ne povas. Mi ne sugestas, kompreneble, ke el niaj organizoj ni forĵetu tiujn homojn kiuj ne samopinias kun ni. Tute male. Sed anstataŭ treti delikate por eviti ies ofendiĝon, ni igu niajn organizojn dinamisme kunligitaj fortoj por paco kaj justeco kaj la junulara idealo. La naciaj sekcioj de TEJO sin esprimu por la monda paco, aŭ socia justeco, kaj ili eĥu kaj gvidu la aspirojn de sia nacia junularo, anstataŭ fariĝi administraj nuloj sen potenco, sen celoj, kaj sen membroj. Ibi tion faru malgraŭ la opozicio de la malfortaj kaj la minacataj. La junularo trovas sian forton en la disputado, kaj ĝi trovas feliĉon en la batalo por inda celo."*

*„Ni prezentu rekte la aferon. Aŭ ni ekmovu nin senŝancele al akcepto de idealoj firme kredataj, aŭ ni mortu je apatio. Ekzistas do elekto de vojoj, sed la elekton oni ne povas eviti. Dum ĉiuflanke la junularo protestas kontraŭ la nehumaneco de nia epoko, ni ne povas ignori tiun krion. Cetere, ignori ĝin estas samtempe ignori la bezonojn de la propra membraro, kune kun la bezonoj de nia generacio."*

*„Kaj kiajn bezonojn havas TEJO kiel organizo? Miatakse ili estas tri. Unue, ni bezonas administran fortecon por sekurigi nian ĉiutagan funkciadon kaj por krei la flekseblecon necesan al kampanja organizo. Due, ni bezonas ideojn, ĉar sen ideoj kaj aventuremo eĉ la plej brile administrata organizo estas senpova, kaj sen ideoj ni povas nenion provi, nenion riski. Trie, ni bezonas disciplinon, ĉar nur per disciplino nia volontula movado povas plenumi siajn taskojn, kaj nur per disciplino ni povas respekti niajn kolegojn, kaj sen perdo de memfido ŝanĝi la vojon de la organizo se difinitaj ideoj momente ne kondukas al progreso."*

## ĈEĤOSLOVAKA T. E. J. A. — ANO VIZITIS BULGARION



O. Knichal

Nia kolego kaj reprezentanto de TEĴA en Ĉeĥoslovakio, redaktoro de sindikata jurnalo en Praha, gastis en la fino de 1969 al bulgaraj redakcioj. Li travojaĝis la landon kaj gastis en Sofia al Esperanto-societo „Maksim Gorkij". La ĉeestantoj akceptis kore la gaston kaj lian salutalparolon. S-ano Knichal vizitis iujn redakciojn kaj renkontiĝis kun la prezidanto de Bulgara Esperanto-Asocio Nikola Aleksiev kaj kun la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" kaj sekretario de TEĴA Ivan Keremidĉiev-Esperov. Oni pritraktis priesperantajn, ĵurnalajn k. a. demandojn.

S-ano Knihal konsentis fariĝi komitatano de TEĴA por Ĉeĥoslovako.

## REPREZENTANTO DE TEĴA EN BRITLANDO

S-ano A. W. Thomson (Avoto) provizore konsentis funkcii kiel reprezentanto de TEJA en Britlando, almenaŭ ĝis ni trovos konstantan reprezentanton. Membro — kaj abonkotizojn, demandojn pri TEĴA ktp. oni adresu al s-ano Thompson.

*Jordan Popov*



**Sen vortoj**

---

*„Mi diris, ke en Esperanto ni havas unikan posedaĵon. La unua paŝo al la formulado de idealoj estas ĝin utiligi. Ankaŭ tion ni ne povas ignori. En mondo dividita kontraŭ si mem, la posedanto de rimedo unuiga ne rajtas, morale, lasi ĝin neuzata. Ni devas paroli nian lingvon, disvastigi nian lingvon per ĉiuj rimedoj. Se ni ne trovas por tio la ĝustajn kondiĉojn, ni devas krei tiujn kondiĉojn. Mi diras, „Ni devas". Vi lernis la lingvon; vole-nevole vi havas devon ĝin uzi, devon strebi por ĝia akcepto."*

*„Eble nia manko de konvinko fontas el duboj pri la akcepto de Esperanto. Sed al tiuj duboj ekzistas du respondoj. Unue, dum Esperanto ankoraŭ ne akceptiĝis kiel universala dua lingvo por ĉiuj homoj, estas eĉ pli grave, ke ni plene utiligu ĝiajn unikaj avantaĝojn. Jen nia speciala kontribuo al monda kompreniĝo. Due, en la lastaj semajnoj, la homo montris, ke preskaŭ ĉio ajn internas liajn kapablojn. Por mi, kaj malgraŭ mia admiro de tiu ĉi epokfara atingo, la unuaj spuroj de la homo sur la luno donas unu klaran lecionon: per mono kaj obstino kaj la fortoj de la historio, la homo estas ĉionkapabla. Certe la historio favoras la astronaŭtojn: la mondo fariĝas tro malgranda por nia kreskanta enloĝantaro, kaj la homo devas serĉi ekstere. Sed la mono elspezata je vojaĝado al la luno, kiel ajn kuraĝa kaj rimarkinda estas tiu aventuro, povus liveri la teknologion por elimini la malriĉon, povus unuigi la naciojn en la intereso de la homa bonfarto, povus fini diskriminacion lingvan kaj rasan. Vi eble argumentos, ke tiaj problemoj rilatas al mensaj sintenoj kaj ne al mekaniko. Jes. Sed mi timas, ke en la moderna mondo la sola diferenco inter maŝino kaj mensa sinteno estas, ke estas pli multekoste modifi la duan, ol la unuan."*

*(El la Inaŭgura Parolado de H. Tonkin en la 25-a Internacia Junulara Kongreso en Tyresö, Svedio)*




En 1969 en urbo Uzlovaja (regiono de Tula) okazis solena kunveno okaze de la Tago de Soveta Gazetaro. Ĉiuj partoprenintoj havis la eblecon vidi ne nur la plej bonajn murgazetojn de la urbo kaj proksimaj vilaĝoj, ŝed ankaŭ du standojn aranĝitajn de la aŭtoro de tiu ĉi korespondaĵo. Sur la fotoj vi vidas ĵurnalojn pri amikeco de ministoj de urbo Uzlovaja kun ministoj el Bulgario, Hungario, Pollando, Mongolio, ĈSSR kaj GDR, kiuj aperis en revuoj „Bulgario" kaj „Nuntempa Bulgario", „Hungara Vivo", ĵurnaloj de karbominejoj en la Germana Demokratia Respubliko kaj Ĉeĥoslovakio, „Ilustrowany Kurier Polski", ĵurnalo „Ministo" de Mongolio. El la Esperanto-tekstoj esperantistoj el tiuj landoj tradukis ilin en siajn naciajn lingvojn.

Dipl. inĝ. Leo Fiŝbejn
membro de Unuiĝo de Sovetaj Ĵurnalistoj

**Ĉiuj membroj de T. E. Ĵ. A. kaj abonantoj de „Int Ĵurnalisto" estas petataj tuj sendi sian membro — aŭ abonkotizon por la pasintaj kaj por la nuna 1970 jaro al la komitatanoj, al la reprezentantoj de T. E. Ĵ. A. aŭ rekte al la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto"!**

*Jordan Popov*





La pena laboro de la jurnalisto

LEKSIKONAĈETO

| | |
|---|---|
| aero | parto de litero A |
| akcidento | mordilo pentrita sur akcio |
| ciklotrono | unu el multaj reĝaj seĝoj, kiuj estas alterne regule uzataj |
| dromedaro | dromeddromeddromeddromed ..... |
| filologo | inklino de filo al io aŭ al iu |
| gratulo | iu, kiu per ungoj skrapetas |
| hidrogeno | geno devenanta de hidro |
| identa | havanta en buŝo mordilojn en formo de litero „I" |
| insekto | virina (sekreta) societo |
| jaro | jjjjjj . . . |
| kanadano | nordeŭropano vivanta en akvaj kreskaĵoj |
| kaprido | tio estas konata nur ĉe esperantistoj; ĉe aliaj homoj ekzistas nur buŝrido |
| kompensi | cerbumi pri komo |
| konkludo | ludo per ostroŝeloj |
| kribrilo | vokanta radiado |
| kulero | parto de suĉinsekto |
| kulmini | elfosadi insekton |
| kulponto | superakva konstruaĵo, kiun uzas la insekto |
| lampiro | marŝo de lumigiloj |
| leksikonaĉeto | 1) havigo de instrua vortaro; 2) malgranda malbona instru-vortaro |
| lucifero | 1) metalo de Lucia; 2) luebla nombrosigno |
| nilono | parto de egipta riverego |
| optimisto | multopa timemulo |
| ordoni | donaci karan metalon |
| pirato | neĝusta vortkunigo, signifanta piajn rodulojn |
| papero | parto de la plej alta ekleziulo |
| provokanto | kanzono eksperimente kantata |
| remparo | duo de boatmovigantoj |
| satano | membro kun plena stomako |
| tenio | lando, kie ĉiuj homoj ĉiam ion tenas (do ĝuste: Tenio) |
| uragano | adepto de faroj de sovaĝa besto |
| zinko | bezonaĵo por skribi literojn „Z" |

Kompilis: Adolf Staňura
Ostrava — Poruba. Ĉeĥoslovakio

## Diversaj

### Duelo pro ortografia eraro

En 1867 jaro preteksto por duelo inter princo Solms kaj Grafo Veddel estis ortografia eraro, kiun ellasis la grafo kaj rimargis la princo. Dum la duelo princo Solms estis mortvundita. . .

### Filologia raraĵo

Ordeno, kiu estis anoncita en Zürich (1866) pri enkonduko de kalkullibroj por sala entrepreno, konsistis el unu vorto kun 43 literoj:

„Zürichersalzverbrauchsbuchhaltungrerordnung . . ."

### Vortludo de R. Kipling

Do, se tion ŝi diris, kion diris vi, kvazaŭ ŝi diris, sekvas, ke kvazaŭ mi diris la samon, kion diris ŝi.

## RICEVITAJ ELDONAĴOJ

— Statuto kaj regularo de Universala Esperanto — Asocio. — Tre nesesa broŝuro por Esperanto-agantoj. Eldono de UEA, 1969.

— Pokalo „Nova talento" — ilustrita poŝtkarto, eldonita memore al Henri Haŕabaĝiu (1905—1944) — elstara rumana esperantisto, pereinta dum aviadilbombardado de Bukureŝto fare de Usonaj aviadiloj.

— Kredivuelo — Iberia planado je iompostioma pago de vojaĝoj per Iberiaj aviadiloj. Prospekto faldfolia ilustrita, Hispanio.

Tra la Soveta Ukrainio, n-roj 1—4, 1969. Kompilinto kaj redaktoro Nadija Adrianova.

## ORIENTEŬROPAJ LANDOJ ELDONAS EN ESPERANTO

(IGS/696) Rotterdam. — Du nacioj en Orienta Eŭropo lastatempe komencis pli intense informi per la internacia lingvo Esperanto. En GDR oni eldonis en 1969 abunde ilustritan 256-paĝan libron sub la titolo „Germana Demokratia Respubliko: Bildoj kaj Faktoj" ((nacilingva traduko)). Kaj en Ĉeĥoslovakio, la Centra Komitato de la Nacia Fronto de la Slovaka Socialisma Respubliko eldonigis esperantlingvan numeron de sia eksterlanda inform-organo.

### Serĉata ĵurnalista kunlaborado

Redaktoro de centra sindikata ĵurnalo deziras kontakti ĉiulandajn ĵurnalistojn, kiuj okupiĝas pri internaciaj problemoj ks., precipe el vidpunkto kultura. Adreso: Oldrich Knichal, Praha 10, U Hranio 13. Ĉeĥoslovakio.

## NOVAJ MEMBROJ DE T. E. J. A.

Viktor Efimoviĉ Noĉevkin, Ukraina SSR, Poltava, ul. Puŝkina 65, kv 4. USSR.

Lidija Grigorievna Svetova, Moskva V-71, M. Kaluĵkaja ul. 12, kv. 45. USSR.

Jurij Ivanoviĉ Nazarenko, Kiev — 21, ul. Oktjabrskoj Revoljucii 25, kv. 1, USSR.

Aleksandr Alekseeviĉ Pankov, Kislovodsk — 48, ul. Pobedi 102, USSR.

Stanislav Rams, Lutoryz 219, p-ta Boguchwala, Bzeszow, Pollando.

## NOVAĴOJ

### „Rebotniĉesko delo" pri la E-movado

La prezidanto de Bulgara Esperanto-Asocio Nikola Aleksiev aperigis dukolumnan grandan artikolon en la centra presorgano de la Bulgara komunista partio „Rabotniĉesko delo" (Laborista afero) en n-ro 364 de 30 de dec. 1969 j. Sub titolo „Aktiva popolutila agado" la aŭtoro rakontas pri la kulturkleriga kaj pacmovada laboro de la bulgaraj esperantistoj.

### ESPERANTO-RUBRIKO EN POLA GAZETO

En „Ilustrowany Kurier Polski" estas regula Esperanto-rubriko, redaktata de nia teĵano.

En la lasta n-roj de la ĵurnalo oni trovas materialojn priesperantajn pri „Internacia Ĵurnalisto", pri jugoslavia E. gazeto ktp

### NIA POSTO

Adolf Stanura, ĈSRR. Dankon pro la helpo· Ree bv. kunlabori.

A. Logvin, Moskva, USSR — Ĉio aperos. Dankon

---

**Redaktoro: Ivan Keremedciev — Esperov, biv. Hristo Botev 98**
**Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04**
**Helpredaktoro: Petja Ĉakova**